# INFORMILO POR AMIKA RONDO DE ESPERANTAĴ-KOLEKTANTOJ




Nr. 7. 1. 1. 1970 Dua jaro nr. 2

## Pri la HELO - eldonoj

□ Okaze de la demandaro en Fenikso nr. 5 pri la HELO-markoj iu samideano en Queliz informis en letero al Alberto da Silva, ke antaŭ pli ol 30 jaroj*) komencis aperi en Lisboa diversaj Esperanto-propagandmarkoj eldonitaj de samideano A. Belinho, kiu, posedante tipografejon, povis aranĝi diversajn desegnaĵojn kaj presi ilin. 2 aŭ 3 havis portretojn de lokaj Esperanto-pioniroj, alia de Zamenhof, kaj la ceteraj havis simbolajn bildojn kaj tekstojn por disvastigo de Esperanto.

Tiuj eldonoj baldaŭ ne povis cirkuli pro la malpermeso de nia lingvo en Portugalio okazinta jam antaŭ pli ol 30 jaroj*) pro la nova reĝimo.

---

*) en la letero estas skribita 40 jaroj, sed tio estas neebla. (Red).

Do, respondante al la 4 demandoj mi povas sciigi: 1) La HELO-markoj estis privata eldonaĵo, aranĝita dank'al entuziasmo kaj simpatio por nia movado de s-ano A. Belinho kaj jaliaj Esperantistoj. 2) Oni presis 6 aŭ 7 gravuraĵojn kaj unu portreto de Zamenhof sur poŝtkarto. 4) Oni ne povas difini la eldonjaron, ĉar ili estis faritaj laŭ tempo kaj oportuneco de la eldoninto en la tipografejo.

-

Feliĉe por ni la HELO-eldonanto plej ofte numerigis la diversajn eldonojn de Esp-glumarkoj. Oni ankoraŭ ne konas markojn kun la unuaj tri numerciferoj - Ĉu ili ekzistas, mi ne sciias. Povus esti, ke oni ne tuj komencis tiun numerigon. Almenaŭ ekzistas unu glumarko sen numero. Temas pri katalog-nr. A 281: Esperanto por novaj tempoj. Ĝi estas desegnita en 1936 de J. Santos. De la enskribo sur markoj kun tempoindiko oni povas konkludi, ke HELO almenaŭ funkciis en la jaroj 1936 - 1940.

Laŭ la ĝis nun ricevitaj mencioj mi povas proponi la sekvantan liston - sen garantio por vereco kaj kompleteco. NB: Mi ne mem vidis la numerojn 7, 8, 11 kaj markojn sur kolora papero

Pluraj sciigoj estas daŭre dezirataj.



Eldonoj nr.

?4) Tutmonda Lingvo Esperanto.
a) helverda sur blanka
b) flavverda sur bluverda

5) Esperanto. Detruo kaj konstruo. Nuda homo liberigita eksuriras ŝtuparon, je kies supro Esp.-stelo allogas.
a) verda sur blanka

6) HELO. Mano levigas torĉon kun " E ". En la fono granda aro de homoj. Sur ili teksto: Sub la sankta signo de l'espero kolektiĝas pacaj batalantoj.
a) helverda sur blanka
b) flavverda sur bluverda

7) Laboristo Disvastigo Esperanto.(ora stelo)
a) helverda

8) Fundamento de Esperanto.
a) nigra kaj helverda sur blanka
b) bruna kaj flavverda sur bluverda

9) Nia Standardo (Esp-flago)
a) nigra kaj verda
b) helverda (sen la vortoj: Nia Standardo)

10A) Pioniro Alvaro Pontes.
a) blua kaj malhelverda. Kun nuboj.
b) nigra kaj malhelverda. Sen nuboj.

10B) Pioniro Jose Vicente Junior.
a) blua kaj malhelverda. Kun nuboj.

11) Esperanto klerigas la cerbon de i'laboristoj. (eraroj en la teksto)
a) nigra, ruĝa kaj malhelverda

12) Nia majstro Dr. L. L. Zamenhof (portreto)
a) nigra kaj malhelverda

Reinhold Jensen

## INTERESA ETIKEDO

En letero amiko Franz Mayer i. a. skribis: ...Samideano Gahler, kiu vizitis la kongreson en Helsinki, sendis al mi krom la kongresa glumarko ankaŭ 1 alumetetikedon, kies 2 bild-fakoj estas akurate la samaj kiel sur la glumarko, sed la papero estas iom pli granda, nome 55 x 35 mm, kaj la fono de la dekstra fako estas senkolora (blanka). Malsupre estas maldekstre presita: "KESKIM 50 K P L" kaj dekstre: "KESKO OY". Tiu teksto signifas: Enhavo proksimume 50 KESKO = la fabriknomo, OY = Akcia kompanio, (germane: A/G, sveda: A/B)

□

## A N O N C O J

Mi disponas pri diversaj Esp.-aĵoj: Glumarkoj, Poŝtmarkoj, Stampoj, Kongres-kartoj k.t.p. - kaj pro mia malsano mi estas preta interŝanĝi kontraŭ poŝtmarkoj. Skribu al:
nr. 5. Evaristo Gil

Ĉar mi nur kolektas glumarkojn, mi povus deziri pli da senpera kontakto inter kolegoj.
Mi havas multajn duoblaĵojn, kiujn mi deziras interŝanĝi. Skribu al: nr. 18. Helmut Rath.

## ESPERANTOSTAMPO "FORGESITA"

SCOUT - SKOLTA
JAMBOREE
VI ESSEX
27 JULY 1968
HOCKLEY ESSEX

La internacia skolta Ĵamboreo en Essex, Britujo, 27/7-3/8 1968 estis rimarkebla pro tio, ke oni uzis kaj Esperanton kaj anglan kiel oficialajn lingvojn. Ĉiuj oficialaj tekstoj estis dulingvaj: Esp. kaj angla, ekz: menuoj, afiŝoj, kantoj, ludoj, konkursoj, ibrobudon kaj ĵamborea gazeto k.t.p.

Kaj tiamaniere ankaŭ la speciala poŝtstampo estis "duon-esperanta", malgraŭ ke la esperanta parto konsistis de nur unu vorto: SKOLTA. Oni nur forgesis mencii tion en la Esperanto-gazetoj, kaj tial niaj kolektantoj ne sciis ĝustatempe pri la stampo. Bedaŭrinde tial tiu stampo ankaŭ mankis en nia listo pri 1968-stampoj. Sed tiu stampo estas absolute inda por listigo kiel Esp-stampo - pro la oficiala uzo de nia lingvo en la ĵamboreo.(Fotokopio sendis Ivar Paulsson).

□

oOOo

Stanislaw Biesiada demandas: Ĉu en kolekto oni povas enmeti stampojn, kiuj nur estas presitaj sur peco da papero - sen poŝtmarko.? Mi havas kelkajn tiajn "□-eltondaĵojn", kaj mi ne scias kion fari kun ili. Multaj malnovaj stampoj estas ja malfacile troveblaj en bona kaj bela stato, do, sta sen pm devus esti pli bona ol nenio.

Al tio mi persone respondas, ke se oni ĉiam memoras, ke tiaj stampoj havas neniun filatelan valoron, oni tamen povas havi ĝojon pri ili, ĉar ili ofte estas bone legeble stampitaj, kion oni ofte ne povas diri pri la stampoj sur ordinaraj poŝtaĵoj. Sta sen pm plue povas servi kiel klara ilustraĵo en leteroj kaj listoj,- kaj fakte ankaŭ en kolektoj flanke de la regule stampita poŝtaĵo, kov aŭ pk, se oni havas.

Alie oni povas havi ĝojon pri "sen-pm-sta" kiel memoraĵo pri kongreso a. s. en vojaĝ-taglibroj. Do, tiaj stampoj absolute ne estas sen signifo. Ili nur ne havas filatelan valoron, kion oni devas memori, se oni intencas ekspozicii sian kolekton.

+ □

Pri 2 novaj polaj sta: internacia semajno de korespondado kaj la 110a datreveno de naskiĝo de Zamenhof - sekvas detaloj en venonta numero.

## GLUMARKOJ

GLUMARKOJ 1969. (Daŭrigo)

16) AVA-anti-TB-markoj 1969 estas regule eldonitaj en Vendrell, Hispanio; kaj kiel kutime mi ne povas ne diri, ke la terura troigo de diverseco en la eldono estas tre tediga. La kompleta serio ankaŭ ĉi-jare konsistas de 300 markoj. Nome 150 vere diversaj - dentitaj kaj ne-dentitaj. Fol.5x5=25. La centra motivo estas 9 markoj kun bildoj de diversaj gejunuloj. La 16 ceteraj markoj, kiuj formas kadron ĉirkaŭ la 9, portas la tekston: AVA 1969 kaj la duobla kruco. Markoj en la supra kaj la suba vicoj havas la pluan tekston: Lukto kontraŭ la Tuberkulozo. - kaj estas nur pro la ĉeesto de tiu teksto, ke oni povas paroli pri Esperanto-glumarkoj.

Preskoloroj sur la 9 bildmarkoj:
a) ruĝa foto en viola kadro, verda teksto.
b) viola foto en verda kadro, ruĝa teksto.

sur paperoj:
1) blanka, gumita,
2) palruĝa, ne gumita,
3) helbluverda, ne gumita.

Kompleta serio: 2,50 dolaroj, ĉe Mr. Ventoŝa, Mayor 1, Bañeras del Penades, Tarragona, Hispanio.

GLUMARKO 1970. (Daŭrigo)

5) 54a brita kongreso de Esperanto, Harrogate, 22 - 25 majo 1970. trĉ. Verda. Mapo de Britujo. Esperanto-stelo ĵetas lumradiojn sur la loko, kie Harrogate situas. (H)(papero:38x25)(rondaj anguloj)

_8888_

ESPERANTA RESPUBLIKO!

Ni jam priparolis la aferon pri la mirinda tiel nomata "poŝtmarko", kiu estis eldonita de itala inĝeniero G. Rozo en jaro 1968.

Li konstruis tiam en la adriatika maro,12km for de la itala marbordo (do en internacia akvoteritorio) feran kolon-turon, kiun li deklaris "liberan teritorion". Do, aparta ŝtato sen rilato al alilandaj manifestioj, kiel ekz. Imposto, dogano, polica kaj armea etatoj k.s. kaj tial li eldonis proprajn poŝtmarkojn kaj monerojn - tute kiel nedependa ŝtatestro.

La Insulo de la Rozoj en la Adria maro (Rimini)



Sed la itala ŝtato volis alion!
Ĝi forpelis lin de la mara konstruaĵo kaj tute detruis ĝin.

Post tio s-ro Rozo presis sur siaj poŝtmarkoj: "Milita itala okupado" - kaj daŭrigis la

vendadon de ili al scivolemaj kolektantoj.
Nun oni devus kredi, ke tiu afero finiĝis kune kun la stoko de markoj.
Sed - tute ne.
Preskomuniko eldonita en Svisujo la 16-an de marto 1969 anoncis, ke la antaŭa "Libera Teritorio de insulo de la rozoj" de nun nomiĝas: "Esperanta Respubliko Insulo Rozo". !! kaj ke baldaŭ estos eldonataj novaj poŝtmarkoj...

-

Per tio la afero fariĝis ankoraŭ pli nekredebla kaj fantazia. Por plia ŝajnigo de vereco de la aserto, ke tiu privata "glumarko" estu poŝtmarko, oni eĉ faris poŝtstampsimilan stampilon, per kiu oni stampis la poŝtmark-similan glumarkon, kiam oni gluis ĝin sur leterojn - kiel ornamo apud la necesa, legala afranko.
Kompreneble tia vana klopodo ne povas doni eĉ minimumon de poŝta signifo al la glumarko. Kie ĝi povus havi valoron? La sonĝorespubliko ne plu ekzistas, ĝi havas neniun teretorion, ĉu tere - ĉu mare, kie eventuala poŝto povus funkcii. Oni povas bedaŭri, ke la initiativriĉa, itala inĝeniero perdis grandegan monsumon je tiu (oni estas tentata skribi) freneza projekto. Inter tia alta iluzia revo kaj "ridindaĵo" estas nur mallonga distanco.
Kaj same ni devas bedaŭri, ke li publikigis la aferon pere de Esperanto kaj per tio intermiksis nian noblan neŭtralan lingvon en la "duba afero".

Reinhold Jensen

---

Kune kun ĉ-tiu unua numero de la informilo en jaro 1970 mi deziras al ĉiuj niaj anoj:
BONEGAN KAJ PROSPERAN NOVJARON - dankante por pluraj belaj kristnask-salutkartoj.
Se aperas sufiĉa materialo por nova numero, mi intencas eldoni ĝin en marto.

□. Red.